60 Num. ★ Madrido - Oktobro-Novembro - 1922 ★ VI Jaro.

# HISPANA ESPERANTISTO

ILUSTRATA REVUO MONATA

Oficiala Organo de "Zamenhofa, Andaluzia kaj Aragona Federacioj„



SANKTA MIGUEL DE FOCES (Huesca).—ABSIDOJ

# AL VALENCIO

(POEMO)

I

Ho, ci, Valencio!
Urbo tre amata!
Mia poezio
estu delikata,
kiel iluzio
de la kor' ŝatata;
de la Muza Scio
estu inspirata;
ke eĉ cia ĉio
de l' kamparo plata,
kie ambrozio
estas produktata,
de mi, fIgenio,
estu, do, kantata.

II

De la urbo la domaro,
kie gento laborbruas,
staras apud de la maro,
kiu bele rave bluas;
kies ondoj pace rulas,
de la suno sub la lumo,
la maristojn milde lulas,
kaj odoras jodparfumo;
en la milda blua ondo,
sin la suno ha! spegulas,
kaj aperas ĝia rondo
kvazaŭ disko, kiu brulas.
Estas tia maro bela
de l' artisto la inspiro
sub arkaĵo blue hela
de l' ĉielo: Granda miro!
Urbo bela, simpatia,
ĉe la bordo de l' *TURIA*
per la ciaj monumentoj,
kiuj nombre ci entenas,
civilizon de la gentoj
tute bone ni komprenas;
urbo de pentristoj famaj,
sciencistoj kaj poetoj,
de skulptistoj ankaŭ samaj
ja surstaras siluetoj;
ankaŭ urb' de filozofoj,
pedagogoj, tute spertaj;
laboristoj de silkŝtofoj
estis famaj kaj tre lertaj.
Liberegon ci tro amas
same, kiel la progreson;
cia koro arde flamas
por atingi la sukceson.
Ha heroa *Germania*
ribelado *Valencia*!
La ekspozici' iama,
sukcesplena, estis fama;
ĝia himno, laŭ kompono,
estas majstra verkodono.
*Bosco* kaj *Joanes*, eĉ *Durero*
kaj *Velázquez*, *Goya* kaj *Ribera*,
kaj *Pinturicchio*, kaj cetero,
faras la Muzeon tre supera;
oni ja konscias Artan Mezepokon,
de vindpunkto grava,
ĉar pentraĵoj artaj en ĝi havas lokon;
per kolekto rava.
Emajlita briko ha! de Valencio,
tutmondfama
produktaĵo estas de la industrio
ja ĉiama.

III

Granda estas la profundo,
ĉe l' vastega cia valo,
de la fruktodona grundo.
De l' Naturo ja regalo!
De la val' la grandiozo
estas rava,
florohava;
jen siringoj, la mimozo,
geranioj,
la lilioj
kaj dalioj,
ĉiaj specoj de la rozo;
la diantoj,
la jasmenoj,
la lekantoj...
Por ĝardenoj,
ĉiaj plantoj.
De l' ebena vasta valo,
ĝia tero

estas riĉa: cerealo,
la vinbero,
pruno, pizo,
la melono, kaj karoto,
bona rizo,
piro, figo, abrikoto;
la maizo,
la persiko, la tomato,
la ĉerizo,
la migdalo, la granato
kaj merizo;
fazeolo, lento,
fabo kaj la pomoj...
Kia granda rento,
*valenciaj* homoj!
La citronojn kaj oranĝojn
cia kamp' abunde donas;
ili la kolorajn franĝojn
de la cia flag' proponas;
flago, kies alta rango
ja devenas, laŭ koloro
de la strioj, de la oro,
kiun kune kun la sango,
iam donis, malavara
kaj heroa, nia gento
pro la ĉiam troe kara,
justa, sendependa sento.
Estas reĝa la odoro
de la blanka oranĝfloro;
ĝia suko, kuracilo
por la nerva maltrankvilo;
ankaŭ suko de l' citrono
estas dia trafa bono.
Urb' tre industria;
estas grava
terkulturo ĝia,
plie, rava.
Gento *valencia*
estas prava
por fleri
terkulturon sian eĉ modelo
konsideri
sub ĉielo.
Tre praktika sento
de l' unua gento,
pro la fruktodono
de la vala grundo,
donis por blazono
kornon de l' abundo
kum la fulm' de l' Dio
Jupitero, vera
—laŭ Mitologio—
protektil' supera;
Mitologiajon konu,
por plej bona la kompreno,
la klarigon vi pardonu:
En insulo *Kreto*,
vivis Jupitero,
kiam infaneto;
li tre bone fartis,
nimfoj Meliseoj
lin tre ame vartis;
ke lin nutris lakto,
dume, de kaprino,
estas vera fakto;
mamoj akurate
sindoneme donis,
ĉiam delikate,
tiel malavare,
bela *Amalteo*,
kiel ankaŭ kare.
La dankemo de la Dio
faris ĝin konstelacio;
li, pro samo, al la Nimfoj *Meliseaj*
donis unu el du kornoj *Amalteaj*
produktantan fruktojn, florojn
jam por ili. Kia riĉo!
Kiu la iliajn korojn
ja plenigis je feliĉo.
Estas fulmo Jupitera
tre indega je respekto
pro la sia fort' mistera:
tial, ĝia la protekto
vere estas plej supera.
De l' blazono, la hieroglifo,
tute klara estas la signifo:
Sub protekto de la Dio
estas vala fruktodono
de la riĉa *Valencio*,
laŭ ja diras la blazono,
la blazono primitiva;
tial la praktika sento,
ĉu vi volas la talento,
de la primitiva gento,
estis akra, ne fiktiva.

IV

Estas la temperaturo
tre agrabla kaj konstanta;
sen nebuloj la lazuro,
bele blua kaj ravanta.
De l' kamparo tiel riĉa,
estas inda la klimato;
homo sentas sin feliĉa
meze tiel bona stato,
meze tia paradizo
prezentita de la skizo.
Estas gento tre agrabla,
gaja, sprita, simpatia,
tre talenta kaj afabla;
bela la virin' gracia!

V

Esperanto-Postkongrero
de la Kvina Internacia
jam okazis kun sukceso
en la urbo simpatia;
kiun Majstro ja prezidis
kun tre granda la kontento,
ĉar lin kore, ĝoje, ridis
de Valencianoj Sento.
Urbo de «La Sun' Hispana»,
kie floris Esperanto,
ne eraros mia kanto:
la reflor' ne estos vana!

VI

Historio cia...
Urbo de la *Cid!*
Kara *Valencia!*
Estos ja feliĉ,.
urbo de l' *Turia!*
Povi kanti ĝin;
sed la kanto mia
havas tro da lim',
dum la gloro ĝia
estas ja sen fin'!
Restu por alia,
plena je inspir'
entrepreno tia;
tial jen la fin'
al poemo mia
kaj indulgu ĝin.

*Julio Mangada Rosenörn*

## REMEMOROJ PRI VOJAĜO AL

# XIV^a Universala Kongreso

## en Helsinki (Finnlando)

Samideanoj!

Plej alta deziro mia en tiu ĉi momento estus rakonti al Vi per harmoniaj vortoj mian vojaĝon al XIV.^a Universala Kongreso en Helsinki, en la lando de mil lagoj kaj centmil insuloj kaj sugestigi Vin tiel, ke Vi image vojaĝu ree kun mi dum ĉi tiu parolado.

Tempo kaj arto mankas al mi por priskribi tagojn travivitajn en eksterlando, sed ne kiel fremdulo, ĉar Vi bone scias ke Esperantismo kunigas korojn kaj ĉie atendas Vin amikaj brakoj kaj sinceraj animoj.



Poezio de l' monto kaj maro... Sur alta pinto troviĝas ruinoj de kastelo konstruita por militaj celoj. Tie ni ĝuas vidon de bela vizkaja panoramo.

La Suno rebrilas sur vastegan suprajon de l' maro. Sude etendiĝas montarĉeno plena da riĉa mineralo. Sur la valo dormas ĉiuj fabrikoj malgajan strikan dormadon.

Post longa vojo ni atingas nunan celon kaj gaje festenas en malnova dometo apud la marbordo, kie adiaŭas min karaj amikoj esperantistoj, kaj ni toastas pro nia idealo: propagandadi senĉese, senlace nian amatan interaacian helpan lingvon.

Kiam oni prenas sur sin gravan taskon, la vivo mem aperas pli serioza antaŭ niaj okuloj, kaj nun ni reiras la urbon en profunda penso pri ĉarma estonteco, kaj ni revas vivotajn la tagojn apud esperantistaro de la tuta mondo en la ĉefurbo de norda lando.

La vorto Helsinki fariĝas por ni sorĉa de tiu ĉi momento.



Ne tiun intiman vojaĝon al naskiĝovilaĝo mi priskribos nun, ankaŭ ne la horoj de amo kaj senlima beleco por la koro, kiam oni festis hejme la revenon de filo kiun oni malofte ĉirkaŭbrakas.

Prefere ni iros al Eskorial, kie ni genuiĝos ree post deksep jaroj kaj banos nian spiriton en hispana historia arto kaj miros pentrindajn lokojn en la ĉefurbo hispana, ĉar Madrido estas certe grava, bela urbo simile al amatulino, kiun ni neniam komparas, sed ĉiam amus pro nedifineblaj kvalitoj aŭ malgraŭ neperfektaĵoj, ĉiuloke troveblaj de analiza menso vojaĝanta sen koro.

Pardonemeco estas ja plej necesa kaj altranga kritikilo.

De Madrido al San Sebastián ni retrapasas la kampojn amataj de infaneco, la de Gabriel y Galán kantitajn kampojn, senfine unutonaj kaj senkoloraj por trairanto al kiu la vorto hejmo estas fremda. Ni tamen trovas ĉi tie trezorojn, tie ripozas eterne kiuj nin amis, tie vivas kiuj nin amas kaj tien sopiras nia animo.

Baldaŭ ni ree transiros patrolandan limon kaj ripetados la historieton de l' papilioj.

FRANCUJO

Apenaŭ hispana horizonto malaperis antaŭ niaj okuloj, apenaŭ ni admiris denove sudon de bela Francujo, kie kuniĝas tiom da diversgentuloj por ĝui someran vivadon, revante pri sennombraj impresoj dum lastaj horoj en la patrujo ni endormiĝis profunde kaj salutis novan tagon jam apud la ĉefurbo de l' mondo.

Parizo aperis fiera kiel ĉiam, Parizo estas sorĉa vorto por virinoj kaj alloga por viroj, kiuj poste rakontas en intima rondo: Nokte...

La mondo estas spegulo kie ĉiu vidas sian propran vizaĝon, diris angla filozofo, Vi mem konas similan esprimon hispanan, kaj multaj el vi jam vizitis la urbon, sintezo de l' homaro.

Ni iru do al Reims.

Stratoj dezertaj en silenta nokto. Iafoje oni aŭdas paŝojn de similaj kuriozaj vizitantoj kiuj sin direktas al la katedralo, vera arta juvelo. Ĉirkaŭ ĝi kuniĝas ĉiaj gentoj, oni aŭdas paroli diversajn lingvojn, ĉio pruntedonas misteron al ruinigita urbo, kiu ŝajne minacas fali sur nin kaj entombigi nin en modernaj katakomboj.

Flustras vortoj tra la aero, malofte trairas franco.

Jen silueto de geamantoj. Revenis la vivo. Ridoj kaj kisoj sur la tomboj. Eterna batalado inter vivo kaj Morto.

Ni vizitas la batalteatron de l' Marne. Ruinoj ĉie, kaj ĉie oni laboras denove, kaj ĉie fruktoriĉa promesanta rikolto.

En fabrikoj, kie ajn oni laboras, ni legas viglajn frazojn: «Estu mallongaj», «Viaj minutoj estas tiel multekostaj kiel la niaj», «Unu loko por ĉiu aĵo kaj ĉiu aĵo ĝialoke».

Oni akceptas nin kore kaj regalas senavare. De tiu ĉi vidpunkto ni povas certigi ke nia vojaĝo estis vere triumfa.

Ĉar mi bone konas vin, mi ne volas turmentigi viajn korojn per komentarioj pri vizititaj batalkampoj kaj tiel mi silentas nomojn historiplenaj, eĉ Versailles (kiun mi diversfoje vidis) ne rabos niajn minutojn pli necesaj por nia idealo sankta ol por doloraj malamoj korpigitaj en tiu nomo.

Alia celo gvidis nin, studi sociajn instituciojn, fondiĝojn de labordonantoj, kiom kaj kiel oni alproksimigas sociajn klasojn kaj frate helpadas unu la alian.

Sama celo kondukis nin al

BELGUJO

Kiam ni vizitis en Parizo la famekonatan Fayol (Fajol) fondinto de ekonomia sistemo, li laŭdadis Belgujon kiel plej altrangan nacion por sociaj organizaĵoj kaj efektive ni havis okazon konstati pravecon de vortoj liaj, tiel en socidemokrataj popoldomoj kiel en Kristana Demokratio, kaj kies riĉaj katolikaj branĉoj, por la bono de laboristaro.

La kooperativsistemo, akceptita de ĉiuj sociaj organizaĵoj, portas benatajn fruktojn, kaj ili estas lernindaj de ĉiu laboristamanto senpartie, por suĉi el tiuj arboj delikatan sukon kaj enradikigi en niajn hispanajn vi-

cojn necezajn plibonigojn, sciencan kaj praktikan bazon, kiun oni bezonas por certe progresadi laŭ nuntempaj postuloj.

De alia vidpunkto, Mons, Bruselo, Antverpeno kaj Lieĝo donus al ni okazon kanti la artajn trezorojn, antikvajn rememorojn de glora influo, kiu restados dum multaj jarcentoj en eksterlando de kiam nia potenco estis respektinda ĉar granda parto de l' mondo apartenis al ni.

Sed ĉu ni mem apartenas al ni? Jen staras la demando. Ĉu ni povas reĝi niajn individuajn pasiojn, ĉu nia intensiva disvolviĝo, nia patruja kulturo, nia persona kaj socia laborado respondas al nunaj postuloj?

Ni tamen ne tro enprofundiĝu hodiaŭ en filozofajn memstudojn kaj trakuru la belan nordan qarton de Eŭropo, kies mirinda Civilizacio povas instrui nin multe kaj utile por nia progresado.

## GERMANUJO

Ne malproksime de Kolonjo, kies grandiozan katedralon ni jam multefoje admiris, troviĝas Gladbach kun la nomita Volksverein (Popolasocio).

Ĝi celas praktikan laboron, ĝi organizas la societanojn laŭ kristana ordo, instruas pri devoj kiuj kondukas al reciproka spirita kaj ekonomia helpo de ĉiuj sociaj klasoj. Ĝia karaktero estas *nuntempaĵo en sociaj kaj kulturaj problemoj*. Ĝi preparas laŭ nuna spirito.

Ĝia studo estus profitdona, sed hodiaŭ ni ne plu rajtas halti, kaj silente pri nia restado en Vestfalio ni laŭvojaĝos sorĉan riveron: patro Rejno prezentas trankvilajn akvojn plenajn da mitologiaj diaĵoj, indaj gastoj por hejmo ora kantita de Vagnera opero kaj en poemoj de miloj da poetoj kaj de ĉiuspecaj artistoj. Dia kaj homa verko kuniĝis ĉi tie kaj montoj kovritaj de folioriĉaj arbaroj kaj antikvaj kasteloj sur pintoj de tiu montaro ravigas nin, dum Suno karesas la panoramon kaj rebrilas moviĝeme sur ondetoj kaj en la vitroj de tiuj kasteloj, kie mankas por ni homa intereso. Plej ĉarma panoramo baldaŭ perdas ĉian allogon se en ĝia mezo no loĝas amata koro, se mankas virino, kiu restos la eterna intereso por plej altranga poeto kaj plej simpla kamparano.

Unu tagon en Baden-Baden.

Nurembergo, la urbo de Alberto Durero (pentristo), Veit Stoss (gravuristo) kaj Hans Sachs (verkisto), kiu lasta estas unu el kantistoj en Vagnera opero, Nurembergo prezentas riĉan kolekton da antikvaj konstruaĵoj, ĉarmajn preĝejojn, teatrojn kaj... tion kion baldaŭ Vi konos per niaj esperantaj ĵurnaloj kaj mem vidos, ĉar mi esperas ke granda nombro el vi aŭdos la plendojn de Ifigenio, kiam ŝi en Taŭrido sopiras al la patrujo, kiam ŝi serĉas per la kor' la Grekan landon, kvankam al ŝiaj ĝemoj nur per surdaj tonoj respondas la ondegoj de la maro.

Kaj ne nur Ifigenio en Taŭrido, ankaŭ unuafoje estos prezentata opero en Kongreso.

Mi certigas al Vi, ke Nurembergo estas inda je la XV.ª kaj la XV.ª estos inda je Nurembergo.

Forflugis la horoj en agrablega societo de D-ro. Ledermann kaj kies filineto. Rido ornamis konstante ŝian freŝan, rondan vizaĝon. Ni ĉeestis en teatro, kie oni reprezentis ludoj de Hans Sachs, ni remadis sur azura lageto, kie multaj banis ne enviante famajn marbordajn banejojn, kaj dume ni revis pri estontaj la tagoj. En profunda vesperhoro ni adiaŭis kaj forlasis la pitoreskan urbon. Malfacile mi forgesus la feliĉegajn horojn kiujn mi travivis en Nurembergo.

En Berlino mi haltis paron da tagoj. Ni jam de longe konas la germanan ĉefurbon kaj Vi opinios kun mi ke vojaĝante tra Eŭropo neniu intencos malkovri eĉ plej humilan vilaĝon.

Ni do iru rekte al

## POLUJO

En ĉiuj aspektoj ni trovas ke Polujo ne estas ankoraŭ lando de revoj, ne tiu lando kies sorĉa nomo altiris niajn korojn, kiam ni legis ĝian historion. Polujo reaperis pro

apartaj egoismoj kaj ne kiel rezultato de sopirita memvola sendependeco, eĉ per samaj kaŭzoj ĝi ankoraŭ facile povus malaperi. En tiu lando oni sentas la alpinan pezon de malamoj religiaj, gentaj kaj lingvaj, en ĝi ĉio aspektas mizera, malpura, malluma, malvarma...

S-ro Oberrotmann helpas nin sindoneme kaj lin, kiel esperantistojn ĉiujn, ni dankas kore, ĉar ili senbarigis la vojojn al niaj celoj kaj agrabligis nian restadon en Varsovio.

En Varsovio ŝvarmas... ni silentu. La urbestro ja diria al ni tre bone: se almenaŭ ĉiu laborus, nia estonteco estos certa, laboro estas fonto de ĉia riĉeco kaj bonfarto por la popoloj.

Ni vizitu la tombon de nia amata Majstro, la Meko de Esperantistoj.

*Ho, mia kor', ne batu, maltrankvile,*
*El mia brusto nun ne saltu for!...*

Plej humila tombo, kovrita de diversspecaj floroj. Apud ĝi ni preĝas kaj sunaj radioj brilas momente kaj karesas tiun bildon.

Ĉi tie ripozas giganta koro, lia sento vokas la homaron kaj lia verko ne plu mortos.

Ni celu esti bonaj disciploj kaj ni semu konstante, senlace, en laboro paca, ĝis ĉerko malvarma ĉirkaŭbrakos nian korpon, dum nia animo en fido forflugas feliĉoplenajn regionojn.

Ni vidis la hejmon de la Majstro, laŭ li lasis ĝin, kaj parolis kun la gefiloj kiel ankaŭ kun la frato D-ro Leono Zamenhof. Ĉie sama afableco.

De Varsovio ni komencas vojaĝadi norden kaj en Dantzigo (kiel ĉiam) Esperantistoj pruvas ree, ke nia sankta ideo ne estas vana kaj esperanta frateco disvolviĝis ĉie kaj atingis plej modestajn homojn, kiel S-ro Wiebe, kiu gastregalis nin senlime, dum tuta urbo ne prezentis eblecon resti en hotelo.

Apud Dantzigo travivis kelkajn somertagojn S-ino. Zamenhof, kiun ni vizitis. Bedaŭrinde ŝi ne estis hejme kaj ni lasis vizitkartojn.

Nun mi devas ja diri, ke samideano el Bilbao, bona amiko kaj lerta universitatstudento, S-ro. Francisko Ikâza, vojaĝis kun mi, kaj ni prezentis ekzemplon de du estajoj en unu esprimo, ĉar nia ĉiama kaj afablega interkonsento ne donis okazon al plej sensignifa aparto de vojaĝa harmonio.

Dantzigo estas belega urbo. Domaĝe, pluvas kaj pluvas... dum ni tie vivas. La konstruaĵoj el antikva gusto; artaj enirejoj. arboriĉaj, larĝaj stratoj; ĉie ornamaĵoj laŭ karakterizaj germanaj figuretoj, ĉio donas ĉarmon al la urbo *libera*, batalanta inter du antagonaj popoloj.

De Dantzigo al Stettin ni ĝuas la rememorojn de nia vojaĝo, kiu finos baldaŭ surlande por trairi Baltan Maron. En la trajno ni renkontas simplan, viglan maljunulinon portanta verdan stelon. Ni alparolas ŝin, ni ne eraris: de nun ni. vojaĝados familie kun S ino. Zamenhof.

Gravaj Stettinaj esperantistoj en intima rondo adiaŭas nin vespere kaj sekvantan matenon, post plej serioza doganrevizio ni enŝipiĝas en luksan, komfortan, kuraĝan ARIADNE.

Posttagmeze ni adiaŭas la kontinentan teron kaj tra insuloj ni iras al vasta maro.

Ritme ni marŝadas. Unuafoje ni konas intiman marvivadon. Vespere ni kantas ĉirkaŭ esperantista, flago ondiĝanta sur la ferdeko.

Sekvanta matenon, ĉe l' Sunleviĝo ni miras ravan spektaklon: plej diverskolora, nuancoplena, luma bildo; la Suno supreniras en horizonto dum ĝiaj radioj formas tremantan brilan faskon en suprajo de senlima la maro por nia vidokapablo.

Oni facile trairas image al tiuj tempoj, kiam homo adoris Sunon, stelojn, maron kaj fajron, idolanaj tempoj el kiuj ni konservas diversajn morojn, kiam oni adoris Dion en Liaj belegaj verkoj.

Ankoraŭ unu tagon, ni dume vidos la insulojn Bornholm, Oeland, Gotland tiu ĉi plej grauda insulo sur Balta Maro, legendoriĉa kiel ĉiuj nordaj regionoj. Sekvantan matenon ni foriras antaŭ Oesel kaj Dago alvenante en Reval (Tallinna) interesplena

ĉefurbo de Estonio, kie oni jam antaŭsentas finnlandan vivon, ĉar eĉ stona lingvo apartenas al sama familio kaj se ne tiel pura, almenaŭ tre bele situata troviĝas la urbo kiun ni baldaŭ forlasos post agrabla interparolo kun dolĉa esperantistino kiun ni adiaŭas: «Ĝis revido en Helsinki».

Kvar horoj de plua marvojaĝo kaj... jam de malproksime ekaperas silueto de blanka urbo, kiu leviĝas sur duoninsulo etendiĝanta en la maron. Ni rigardas avide tra la lornoj. La turoj de la bela urbo anoncas ĝin kiel fieraj heroldoj. Nia spireganta kaj ŝaumanta ŝipo glitas inter granitrifoj de insuloj kaj fajfas sonore kiam ni atingas la celon de nia longa veturado. La Komitato kaj altaj esperantistoj atendas nian ŝipon, oni vivokrias, oni salutas familie kaj fotografadas.

## FINNLANDO

Lando de Veinemoinen, lando de l' kantelo, Supmi murmuranta per milo da lagoj, hodiaŭ alvenas plej diversgentaj gastoj. Vi akceptas ilin ornamata de via flago blanka kun blua kruco. Ankaŭ vi estas pura kiel la fundo de via flago kaj revema kiel azura ĉielo. Sed jen ni vidas ĉie ondiĝanta nia propra esperantista flago apud la via landa kaj «Esperanto» estas nun feinvorto kiu gvidas nin ĉie kaj faligas ĉiajn murojn.

Vi jam legis—karaj samideanoj—multajn paĝojn pri Finnlando kaj eĉ pri Helsinki mem. Tial mi nun ne plu kondukos Vin en antaŭkongresan ekskurson, kie mi remadis sur vasta lago inter poeziplena panoramo, tra pontoj kie akvo fluas rapidege kaj malpermesis min reveni, kun danĝero punanta mian troan kuraĝon.

Kiel religia preparo ni iras en la katolikan preĝejon, kie ni unuafoje aŭdas prediki esperante.

Ni iru al la Kongreso kaj aŭskultu nian sanktan himnon kantata kortuŝe de ĉiuj kongresanoj. Baldaŭ oficiala voĉo de l' Ministro de Publika Instruado malfermos la Kongreson, je la nomo de la Prezidanto de la Respubliko, dum li ankaŭ elparolas internaciajn karajn vortojn.

Frenkell leviĝos kaj parolos arde, frate; Prof. D-ro. Setala faros sciencan disertacion kaj Privat respondos al Francujo en grandioza parolado, kiun interrompos longa kaj ofta aplaŭdado.

Sed elĉerpu entuziasmon de Via animo kaj aŭdu la allogan, ritman, dorlotan poemon de Kalocsay:

### «KONGRESA RUNO

Vokas voĉ' de *Veinemoinen* (1),
vibras vok' en vaga vento
kaj ĝin muĝas malproksimaj
montoj, maroj murmurantaj.

La potenca praa patro
de la kantoj karesantaj,
la bravulo kun la brila
balaanta blanka barbo
kaj ĉe l' koro kun *kantele* (2)
kies kordoj sorĉe sonas,
ravon semas en la sinoj:
*Veinemoinen* vekiĝinta
vigle, veke, varbe vokas,
logas li al land' de l' lagoj
kun la filoj festi frate.

Vibras voĉ' en vaga vento:
«Sonĝis mi en sankta sino
de *Suomi* (3) kaj ripozis
en la revoj, rememoroj
de la idoj inspiritaj.
Sed min vekis vok' de l' tempo.
Min el muska tero tiris
sorĉaj sonoj sonorantaj.

Miri venis mi miraklon:
Patrolingvon de la Mondo:
Lingvon, kiu liutsone,
lule ludas sur la lipoj,

---

(1) *Veinemoinen:* ĉefheroo de la Kalevala, la «eterna kantisto», forĝinto de l' liuto.

(2) *Kantele:* muzikinstrumento, kiun Veimoinen kreis.

(3) *Suomi:* Finnlando.

flate, flustre, flirte flugas,
dolĉon donas dorlotante,
muĝas, kiel mar' majesta,
kun titana tono tondras:
Ideala inda ilo,
instrumento konkuranta
kun la kordoj de *kantele*

miri venis mi miraklon,
fablan forton fepotencan,
kiu tegas tutan teron
kaj por arda amo armas.
El la disaj, dividitaj
gentaj grupoj glore formas,
fandas fratan familion,
ravan rondon sub radioj
de l' eterna esperstelo.
Ege eĥu elementoj,
resonadu regionoj
vekân, varban, vokan voĉon
de la nobla nova sento!

Helpi venis mi heroon,
helpi homojn hederindajn
en la brava batalado
por la bono, por la beno
de la mondo baraktanta.
Kantu, kordoj de *kantele*
ilin inde invitante
al la kampoj *kalevidaj* (1)
Am-armeo! Amasiĝu!
Armu vin per arda amo!
Festu frate kun la filoj
kaj sen laco laboradu!
Luktu firme, forte, fajre
kaj sufoke kaptu kole
tiun urson ulnoungan,
monstro de la Mortolando:
La militon malicegan.
Kreu kuna konstruado
Novan, sanktan, savan *Sampon* (2)
mir-miraklan muelilon
por mueli la malamon
mondon monstre mordadantan.

(1) *Kaleva*, *Kalev:* praavo de l' finnaj herooj.

(2) *Sampo:* la mirakla muelilo, kiu donas abundecon kaj feliĉon, kaj kies akiron rakontas la Kalevala.

Fine idoj inspiritaj,
kiel iam *Ilmarinen* (1),
forĝu firman firmamenton
kun ĉielaj ĉiuj ĉarmoj
dian pompan mondpalacon:
Pian pacon paradizan
kun la dolĉaj didonacoj
de la fabla feliĉego.»

Al la land de l' mil' da lagoj,
muskaj montoj murmurantaj
vetflugante kun la vento
vokis voĉ' de *Veinemoinen*.

Kaj ĉu iu ankoraŭ diros ke Esperanto ne valoras por esprimi intimajn sentojn sub riĉaj vestaĵoj de l' Poezio?

Nun parolas oficialaj voĉoj; Ligo de Nacioj, Ruĝa Kruco, reprezentantoj de registaroj.

Sinjoro Julio Mangada Rosenorn kaj mi estis la reprezentantoj de Hispanlando, kaj ĉar S-ro. Mangada ne povis ĉeesti la Kongreson mi diris jenajn vortojn:

«Sinjorino Zamenhof, Sinjorinoj kaj Sinjoroj!

»De l' glora Hispanlando mi venas saluti vin kore, fratoj de la tuta mondo, en la nomo Ministro de Publikan Instruado.

»Vin mi salutas, lando de Kalevala, lando kies natura beleco povus ornami multloke patrolandon la mian, kie troviĝas la mondofamekonata Eskorial, grandioza verko de Filipo II.ª, kiu rajtis eldiri, ke la Suno neniam subiris en siaj regnoj.

»Vin, lando da mil lagoj, nekonata lando de granda civilizacio apenaŭ malfermita kiel belkolora burĝono promesanta delikatajn fruktojn, Vin mi dezirus ankaŭ ornami per arta monumentaro hispana, kaj Eskorial, Alhambra el Granada, Burgos, León, Salamanka, Toledo, Sevilla... kiel samtempe rava dia verko el Galicia, Asturia, Vaska, Aragona kaj Kataluna regionoj, eĉ Valencia

(1) *Ilmarinen:* frato de *Veinemoinen*, forĝinto de l' ĉielarkajo.

flora ĝardeno kaj vastega oranĝarbaro, ĉion mi volonte pruntedonus al Vi, por plibeligi la amatan landon kies Parlamento unue proklamis antaŭ la mondo, ke Esperanto estas sankta ideo, kiu devas kunigi ĉiujn popolojn.

»Mi salutas ĉiujn amerikajn landojn kies lingvo patra estas la hispana lingvo.

»Lumo de l' vero kaj Amo kunigu nin ĉiujn kaj direktu nian laboron por Esperanto!

»Hyvaa paivaa.»

Ankoraŭ delegitoj de esperantistaj organizajoj kaj ree muziko finos la solenan malfermon de la Kongreso per marŝo suoma. Ĉiuj kunportas plej altan impreson, ĉiuj trakuras gaje la stratojn, ĉie oni aŭdas paroli esperanton kaj eĉ restoracio prezentas manĝo karton esperante.

La Kongreso konsistas el 1.200.

Ni partoprenas ses hispanoj: S-roj Piñó kaj Marzal el Valencio, S roj Mercadal kaj Orobitg (pastro) el Barcelono kaj ni du el Bilbao.

La kunsidoj estas veraj modeloj por batalemaj urbokonsilantaroj, ni diskutas en reciproka resspekto kaj entuziasmo por nia komuna celo.

Plej grava okazintajo estis la *edziĝo* de UEA kaj Centra Oficejo.

Pri ĝi kiel pri ĉiuj ĝeneralaj kunsidoj vi jam legis en Esperanto Triumfonta. Fakaj kunsidoj estas raportotaj kaj sekve mi ne plu bezonas priskribi la kongresan laboradon, kiun mi partoprenis kiel eble plej multe. Nur unu tagon mi mankis, ĉar mi vizitis la blindulojn, al kiuj mi paroladis, kaj kun ili longe pritraktis iliajn interesojn. Ni helpu niajn fratojn, ne nur per vortoj sed ankaŭ psr faktoj.

«Suomen Laulu» (Kanto de Finnlando). Miksita ĥoro kiu meritas specialan atenton. «La Nordo estas fama je multaj bonkvalitaj vir—kaj miksitaj ĥoroj, kaj inter tiuj SUOMEN LAULU nepre posedas la unuan rangon.»

Delikataj akordoj elsonas. Piaj kantoj de Klemetti (la direktoro) kaj Bach.

«Min rastas raataa» (Kanto el Kalevala, la finna eposo), «Smikellot» (Tomba kanto al lasta stelo ĉe l' Sunleviĝo), «Muistatko rakas ystavani» (Kanto por forestanta amiko), «Levoton on virta» (Maltrankvila estas la rivero...), «Kia stranga forta voko» (Komentaria kanto por «La Espero»). La entuziasmo vibradas en la aero. Tondra aplaŭdado. Oni ripetas la kanton kaj la bone edukitaj voĉoj ravigas nin denove.

Alia festo kompletigas nian bildon pri suoma arto. La kantistoj de Kalevala, popolaj melodioj, popolaj dancoj kaj sur ĉio la notoj de l' kantelo, kiujn oni dezirus aŭdi ĉiam kiel lulilkaresojn.

Oui fine reprezentis la unuaktan komedion de Aleksi Kivi «La Fianĉiĝo». Kivi estas la fondinto de moderna finna literaturo.

El cetero mi citos volonte ekskurson tra Viipuri (Viborg) al Imatra, kaj ĝin priskribus detale se ĝin ne estus akompaninta tro maloportuna pluvo, kiu iom forigis la belecon de tiaj vidajoj apud rapidegaj akvofaloj, kie akvo saltadas simile al ĉevaloj de Poseidon tirantaj gigantajn ĉarojn da ŝaumo. Postagmeze ni ŝipveturadis laŭ lago Saima al Lappeeranta kaj envagonariĝis por dormi en puraj, komfortaj kupeoj. (En Suomi eĉ ekzistas triaklasaj dormovagonoj) kaj atingi denove Helsinki lunde je la naŭa matenhoro.

Sed plej signifa okazajo estis la oficiala akcepto de la naciaj reprezentantoj ĉe la Prezidanto de la Respubliko, kiu salutis nin (kiel ankaŭ la Prezidantino) per esperantaj vortoj. Apenaŭ prezentitaj al la estroj de la lando ni iris en vastan salonon por trinki teon. La orkestro ludis nian himnon La orkestro ludis nian himnon kaj—laŭ supera peto — Kalocsay redeklamis sian poemon «Kongresa Runo» inter kolonoj de la iama cara palaco. Kaj li, hungaro, revivigis glorajn tempojn de Grekujo en miela liutsona lingvo konkuranta kun la kordoj de kantelo. Esperanto muĝis en ĉiuj

anguloj, *nia lingvo* atingis oficialan respektesprimon.

Ĉe la ferma kunsido ni jam sentis nin preskaŭ finoj kaj malfacile adiaŭis la gasteman landon, kie ni dezirus vivi en tia ideala interrilato.

«S-ovon Frenckell preskaŭ melankolie esprimas sian penson pri forirantaj tagoj, feliĉaj horoj kaj la disiĝo. La revo de multaj el ni dum semajnoj, dum monatoj, estas nia tutmonda kunveno; kvankam ni nun disiĝas, ni kunportas ion, kio restas: la rememoro pri feliĉaj tagoj, pasintaj en gastama lando inter amikoj ĉiulandaj. Tiu ĉi penso kaj la certigo de revido ĉe venonta kunveno forigu la malĝojon de disiĝo. La nuna Kongreso unuigis la disajn fortojn de nia movado kaj donis al ni novan energion; novaj problemoj ekestas; sed ne plu estas samaj kondiĉoj. La mondo nin atentas; ŝajnas, ke ni eniras la oficialan epokon de nia movado, la akcepto ĉe Prezidanto de regno estas paŝo sur vojo de similaj honorigoj. La Kongreso havis bonan feinon, kiu laboris por ni diligente, senbrue, inter la Loka Komitato, al kiu ni ŝuldas elkoran dankon. Nenia malagrablaĵo, nenia grava plendo! Ni ĉiuj sentis, ke oni atentis nin kaj niajn dezirojn. Tion ni memoru, kaj fortan, sinceran dankon al la komitato kaj ĝiaj anoj Sandstrom, modesta kaj trankvila, Vilho Setala, rapidema kaj direktanta, Kostiainen, decida kaj energia, Ĉernohvostot kaj ĉiuj aliaj! Laŭdon al la nelacigeblaj fraŭlinoj, kiuj rezignante la amuzaĵojn de la Kongreso fidele kaj serveme restis sur la posteno en la Akceptejo, en la Sekretariejo! Koran dankon al vi ĉiuj, via afableco restos en nia koro!» (Longa tondra aplaŭdo.)

Adiaŭas Privat:

«Volonte ni restus pli longe por pli bone konatiĝi kun la lando. Feliĉaj vi, kiuj povas resti kaj ĝui la belecon de Suomi! La revenintaj Esperantistoj, veraj ambasadoroj de Finnlando, ĉie rakontos pri vi reva, rava ;ando kun viaj miloj da lagoj, da insuloj, da insuletoj. Nova ŝtono en la fundamento de nia historio estas tiu ĉi Kongreso, kaj neeble estas ĝin forigi. Ni rekte iru nian vojon, malgraŭ baraktoj, malhelpoj, ĝenoj kaj tedoj. Bonan memoron ni kunportas de la lando de Vainemoinen, de Kalevala, ne forgesante la modernan tempon, kun kiu ni povis konatiĝi en la «Nacia Teatro» per prezentado de riĉa kaj bela programo. Akceptu vi ĉiuj nian koran sinceran dankon: Vivu Finnlando!»

Inter multaj famaj voĉoj eksonis ree la mia de lasta soldato en la vicoj de Esperantistaro:

«Sinjorino Zamenhof, Sinjorinoj kaj Sinjoro!

»Ĉe la malfermo de l' Kongreso mi havis la honoron paroli *oficiale* kaj prezenti al Vi kelkajn nomojn, kiuj signifis santempe mirindajn rememoròjn de nia Historio, korpiĝitaj en plej altrangaj monumentoj, kaj Eskorial kaj Alhambra kaj... cetere aperas antaŭ la mondo ne plu kiel artaĵoj sed kiel la Arto mem loĝanta en varma Hispanlando ĉarma.

»Hodiaŭ mi volas rememori, ke mi estas filo de l' lando de kavaliroj, kavaliro estas ĉe ni de reĝo ĝis plej modesta regnano, tial mi kunportas oran butonon por fermi restadon mian en Finlando.

»Se kavaliroj portas ĉiam la flaman inspiron, mi ankaŭ deziras kunporti flamon de mia idealo.

»Por pruvi tion mi ne volis vojaĝi rekte de mia amata patrolando al via patrolando, sed pilgrimis unue el Varsovio kaj preĝis apud la tombo de nia Majstro.

»Kaj nun, en la momento kiam ni jam devas ekforveturi hejmen, kie ni en jurnaloj, el katedro, ĉie prikantos vian progreseman landon, nun mi deziras adiaŭi Vin ĉiujn, fratoj de la tuta mondo, kaj korpiĝi ankaŭ mian adiaŭon en humilan, amatan floreton el la tombo de nia Majstro.

»Akceptu ĝin, Sinjoro Prezidanto, en la nomo de la Kongreso!»

Kiam mi finis nenia brueto aŭdiĝis en la majesta salono de la Nobelara Domo. Sinjorino Zamenhof ploris. S-ro. Frenckell leviĝas kaj akceptas la floreton kiel juvelon por sia koro kaj signon de sincera amo al nia Majstro.

Per emociaj vortoj dankas la oficiala gasto de la Kongreso, S-ino. Zamenhof, la Kongresan Komitaton.

Je l' vespero ni forvojaĝis al Turku (Abo), antikva ĉefurbo de Finnlando, kie ni ankoraŭ restas du tagojn, kaj finis la belajn horojn en la lando da mil lagoj, en tiu lando kiu de antaŭ pli ol du jarcentoj ne plu konas analfabetismon. Al miaj hispanaj samideanoj mi rekomendas «Cartas de Finlandia» de nia delikata Ganivet, kiun mi legis antaŭ longaj jaroj kun granda plezuro.

Se mi ne timus trolongigi ĉi tiun paroladon, mi priskribus finnan banon. Angla aŭtoro diras ke nur post tia bano oni pavas certigi esti pura.

Nia simpatia hispana konsulo S-ro. Javier de Marco diris tre bone dum mia vizito: ĉi tiu popolo de norda somernokto, kun opalkolora ĉieelo pentrinda tero ricevanta ĉiu centjare donacon de l' maro, kun ĉirkaŭantaj insuloj, ĉiam plenaj da arbaroj kiel kontinenta lando mem, kie ne da lagoj, ĉi tiu popolo ne solvis artajn nek sciencajn problemojn, sed ĝi solvis bone unu solan problemon: kiel vivi home, pure, komforte, kulture, kaj tiel ĝi vivadas.

Tra tiu insularo nin kondukas antaŭen la ŝipo en profunda, nokta horo...

Antaŭ momentoj ankoraŭ ni trairis insuleton en densa nebulo. Ĉi tie kaj tie ruĝaj makuloj kiel pentraĵo kopiantaj faman priskribon de Karlo Dickens. Paroj da gejunuloj montras ke Amo ne konas malvarmajn landojn nek timigajn noktajn fantomojn.

Adiaŭ, Suomi, lando kie oni spiradas dolĉan melankolion invitantan al idilio kaj laboro.

Murmuretantaj lago kaj arbaro lulkantas kiam oni ekdormas kaj ili ankaŭ vekas ĉe l' nova tago.

Nun la maron ni trakuras kaj... ni devas ssbmetiĝi al higiena revizio... ĉar ni estis en Polujo!

Tiel komunikigas al ni la ŝipestra.

Virino alta, en la nomo de la scienco, per elektra lampo inspektas nian korpon (virinoj jam banis nin en Finnlando) kaj oni deklaras nin akcepteblaj. Ni salutas novan landon.

## SVEDUJO - NORVEGUJO...

Kun kiu Finnlando estis kunigita de la jaro 1157 ĝis la jaro 1809, kaj en lasta nacio ekzistas certe plej granda influo de sveda kulturo.

Stockolmo estas vizitinda urbo, norda Venezio, kiun ni detale vidis, bone direktitaj de sperta kaj sindonema Samideano. Unue la domo Nobel (kie oni disdonas la famajn premiojn). Ni rememoras Cajal kaj aliajn hispanojn.

En la Parlamenta bildaro de Prezidintoj ni vidas iun tre simila al Unamuno, nur iomete pli dika ol nia verkisto.

La reĝa palaco estas potenca konstruaĵo. (En ĝi troviĝas ĉambro nomita de Don Kiĥoto.)

Vere ĉarma la Norda Muzeo, kie ni haltas kaj studas plurajn horojn, kiel ankaŭ en Skansen, apartenanta al Norda Muzeo.

Skansen estas resumo de Svedujo. Tie oni revidas vivantan muzeon, la tipoj kaj vestoj, moroj, bestaro, plantoj, ĉio troviĝas tie kaj ĝi estas certa bazo por progresado sur intima kono de enlandaj karakterizaĵoj.

Ni aŭdas tie popolajn instrumentojn kaj popolajn kantojn, tie mi desegnadas ĝoje, ĉar Skansen prezentas senfinan interesan materialon.

Ĉiu lando devus posedi almenaŭ unu vivantan muzeon kiel Skansen; ni tamen ne intencis rakonti nian vojaĝon kiel esploristoj kaj nur kondukos Vin en Naturan Teatron dum somernokto kaj Vi aŭskultos la svedan verkon «Det stora magakriget». Du kamparaninoj batalas por varbi la saman junulon kiel bofilon... dum la filinoj solvas la aferon laŭ propra kordecido. Serĉaj si-

tuacioj, la publiko ridadas, eĉ multaj devus ridi, laŭ Benavente diris filozofe, vidante ke aliaj pli humilaj ridas, kaj ni ĝuas la amuzan verkon, dank' al tuja esperanta klarigado de S-ro. Johansson.

La silueto de l' ĉefurbo reflektiĝas sur vastega akvospegulo. Torenta lumo malfortigas la Lunan regadon.

Post nelongtagodaŭra restado en la patrujo de Linneo ni iras al tiu de Bjorson kaj Ibsen.

Kristiania kuŝas en ĉarma panoramo ĉe l' piedo de abioriĉa monto, norda parto de fama fjord kiu rememorigas al ni galiciajn riverenfluojn, en Hispanujo.

La norvega revizoro alparolas nin hispane. Efektive, multaj nervegoj konas hispanan lingvon, precipe por amerikaj interrilatoj.

Ni ekskursas, poste ni interkonatiĝas kun la urbo kiu posedas Folkemuseet (Popolmuzeon), simila al Skansen.

Ree en Svedujo, Goteburg: Ni manĝas (kiel multfoje en Finnlando), ĉe komuna tablo, kie oni sin mem helpas kaj servas laŭvole, kaj poste oni pagas moderan prezon (ĝenerala kotizo).

De Treleburg ni enŝipiĝas, trian fojon dum nia vojaĝo, ĝis Sassnitz. Travojaĝinte la insulon Ruegen nia vagonaro eniras ŝipon kiu portas nin al Stralsund kaj jam sur kontinenta Germanujo ni iras al Hamburgo. Tie ĉi ni vidas unuafoje sovietan rusan ŝipon.

En Dantzigo ni miris belajn afiŝojn, propagandilojn por Esperanto, eĉ en stacidomoj, anoncojn *Esperanto parolata.* Vojaĝfirmoj kun esperantaj anoncoj kaj sur ĉio esperanta anoncejon kiel teatra publika tabulo.

En Hamburgo plej koran impreson kaŭzis al ni «Esperanto Hejmo», bela Grupejo kun lernoĉambro, biblioteko kaj eĉ telefono.

Efektive grandioza prezentado de klasika verko: «Maria Stuart», de Schiller.

Germana lingvo fluadas harmonie en lipoj de la aktoroj. Maria kaj Isabel fiere baraktas, Mortimer en tragedio malespero sin mortigas, sed lia morto mem ne malhelpas ke oni ekzekutu la reĝinon de Skotlando.

Profunda impreso en niaj artamantaj spiritoj!

Du tagojn poste ni forveturas al Kolonjo... Parizo... Hispanlando.

Ĝojo kaj malĝojo vizitis nin ĉiujn ofte dum vivo, ĉiu travivis feliĉajn tagojn kaj tagojn de senlima doloro, la bluan birdon ni serĉadas krj kiam ni ĝin ekkaptis tiam mem ĝi forflugis, la bluan birdon de l' feliĉeco ni ekkaptis ĉi tiun someron, ĝi ankaŭ forflugis kaj nun restas rememoro, vera procento de l' feliĉeco.

*Felikso Díez*

Bilbao - Septembro - 1922.

---

## Al Mia Filino Marina

La tagiĝo rompas
de la nokt' vualon;
birdoj jam ekkantas
kaj gajigas valon.

Oriento rose
ekbruliĝas rave;
la trumpet' sonoras
alvokante grave:

Tuj la trumpetaroj
kun tamburoj, kune,
salutadas tagon,
*novan tagon nune!*

En la malproksimo
jam la sun' aperas;
de la nova tago
ĝojon ni esperas;

Jen de l' tag' la flustro:
«tuj la PAC' alvenos»,
la esperon belan
cia brust' entenos.

Min atendu, kara
Marnjo!, sen angoro;
por la rekuniĝo
proksimiĝas horo!

*Julio Mangada Rosenörn*

Tendaro de Dar-Quebdani - Melilla (Maroko)

# HISPANAJ RIMARKINDAJOJ



Estas sufiĉe abundaj en Hispanujo la primitivaj pentrajoj faritaj de prauloj sur rokoj de grotoj kaj per kvazaŭ bitumo nigra kaj ruĝa.

Je unu mejlo de Quintana, proksime de Fuencaliente, vilaĝo kun varmegaj fontoj (sanigbanejo), en abrupta loko de la Montaro Morena, provinco de Ciudad Real, la kvarca roko



aperas vaste tranĉita kvazaŭ muro, kaj ĉe ĉi tiu malfermiĝas iuj malgrandaj artifikaj grotoj; du el ili piramidformaj, ĉe kies muroj aperas belaj ruĝaj kaj nigraj pentrajoj (montritaj de la bildoj) tre freŝe konservitaj. Je kvaronmejlo de la grotoj, apud kaskado de la rivero Batanes, ĉe ĝia bordo, staras ŝtonego kun vertikala tranĉajo, kiu





montras aliajn pentrajojn tre difektitajn, la supraj pentrajoj estas nigraj, kaj ruĝaj la subaj. El ĉi tiu ŝtonego detranĉis pecon por Muzeo, kiu montras la subajn pentrajojn. Oni detranĉis la pecon antaŭ pli da unu jarcento.



## ŜPARU VIAJN SAGOJN

Ne celdirektu min per viaj sagoj
ĝi ne estos utila
kaj vi nur ĝenos min per viaj agoj
sed mi restos trankvila;
mi trapasadis iam longan vivadon
kaj mi sentis suferon kaj doloron,
de l' Di-Sort' ekvidetis nur la radon
kies prem' dispecigis mian koron.

Nur momenton rigardu min; infano!
mi jam estas maljuna;
ne estu malavara via mano
je sago dolorpuna.
Multe min malmoligis la sufero
kaj jam ne sentas plu mia spirito,
al mi nenia plu restas espero,
plu min ne puŝas emo nek ekscito.

Fiera estis la ŝtoneg' sur roko
sed, puŝata de l' vento
rulas al profundaĵ' de lok' al loko
dum mallonga momento.
Ne restas plu de la ŝtoneg' figuro,
el ĝi faris la frapoj nur pecetojn,
sed la potencaj fortoj de Naturo
ne disrompas malgrandajn la ŝtonetojn.

Ankaŭ mi rulis de l' supraĵ' al valo!
mi serĉis amon, gloron,
sed la teruraj puŝoj de l' Fatalo
disrompis mian koron.
Ne ĵetpafu la sagon akropintan,
mi plu ne havos jam sentojn bonvolajn,
nek potencregos vi koron mortintan
nek vundos via sag' pecojn malmolajn.

*Rafael de San Millán*




# Hispana Esperantisto

Kotizaĵo subtenanta ĝin: Hispanoj, *kvar pesetojn;* Amerikanoj, pro la poŝta interkonsento, ankaŭ *kvar pesetojn*; centraj kaj orientaj Eŭropanoj 45 ĉeĥoslovakajn kronojn aŭ 150 germanajn markojn; *ses pesetojn* por ĉiuj aliaj Esperantanoj

Subtenanto ricevos senpage kiam eble eldonaĵojn. Novaj subtenantoj ricevos senpage, ĵus ricevita la kotizaĵo, «Ŝipopereo», «Ferdinando VI kaj Farinelli», «Postrikolto» de Grabowski, Pri Cervantes kaj lia famkonata verko EL QUIJOTE» kaj «Versaĵaro», «For la Milito», kaj aliajn dum la jaro.

Nepre sendu respondkuponon por ricevi pruvnumeron.

Sendu la kotizaĵojn, originalojn, revuojn, kaj ĉion pri Esperanto al *S-ro Julio Mangada Rosenörn, Komandanto de la Infanteria Regimento «Galicia» 19, Jaca (Huesca) Hispanujo.*













Tip. Calle de San Lucas, 5.—Madrid